# LA LAMPIRO

55-a jaro N-ro 133 2014:2



Kvar poemoj

Do, adiaŭ!

Tombeja sceno

# 8º Congresso Paulista de Esperanto

**Araraquara**
18 - 19 outubro 2014

**Local**
SESC Araraquara
R. Castro Alves, 1315



**Inscrições e informações**
easp.org.br/araraquara

# ESPERANTO
## mediador de outros saberes

*Realização*
easp.org.br

*Organização*
Klubo de Esperanto – Língua Internacional – Araraquara SP

*Apoio*
Sesc
Brazila Esperanto-Ligo
Câmara Brasileira da Língua Internacional Esperanto



Botanika Ĝardeno
Sanpaŭlo

**LA LAMPIRO** *55-a jaro n-ro 133 2014:2*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**

(Aperas trifoje dum la jaro)

**Ĉefredaktantoj**: Francisco S. Wechsler (esperanto@fswechsler.com) kaj Paulo S. Viana (psviana@terra.com.br)

**Grafikaranĝo**: Francisco S. Wechsler

*La redaktantoj ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

---

**easp**

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**

Fondita en la 29-a de Marto 1937

PROPRA SIDEJO

Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefono-faksilo: (11) 3862-1183
easp.org.br - contato@easp.org.br

JARKOTIZO POR 2014

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |
| Aligita Grupano .................. | R$ 36,00 |
| Aliĝinta Grupo .................... | R$ 20,00 |



DEĴOROJ: lunde: 12h – 16h; marde 9h – 18h; merkrede kaj ĵaŭde: 14h – 18h; vendrede: 14h – 18h; sabate: 9h – 18h.

## ENHAVO

Enkonduko 04
Artistoj el Sanpaŭlo 05
Kulturinstitucioj en Sanpaŭlo 07
La Botanika Ĝardeno de Sanpaŭlo 08
Arkitekturaj simboloj en Sanpaŭlo 09
Kvar poemoj 10
Literatura konkurso 12
MovimentoEsperantista 13
Tombeja sceno 16

# Enkonduko

Estimataj gelegantoj:

Plej grave estas unue atentigi vin, ke baldaŭ (la 18-an kaj 19-an de Oktobro) okazos la 8-a Esperanta Kongreso de la ŝtato Sanpaŭlo, en la urbo Ararakvaro. La kongresa ĉeftemo estas aparte interesa: *Esperanto kiel peranto de aliaj konoj*. Konsultu la paĝaron de nia Asocio por aliĝi al tiu ĉi evento.

Daŭrigante sian serion pri famaj literaturistoj naskitaj en la ŝtato Sanpaŭlo, Paulo Sergio Viana ĉi-numere publikigas tradukon de la rakonto *Do, adiaŭ!* verkita de la nun 91-jara, fama aŭtorino Lygia Fagundes Telles. Notindas kiel, per ŝparema kaj simpla stilo, Lygia sukcesas transdoni nostalgian etoson.

Paulo ankaŭ verkis po unu artikoleto pri tri vidindaj lokoj en la ŝtato Sanpaŭlo: la Futbala Muzeo; la Botanika Ĝardeno (kies foto ilustras nian frontan kovrilpaĝon); kaj la Gvarulja viadukto. Se vi ankoraŭ ne konas ilin, espereble la tekstoj emigos vin al vizito!

Du konataj poetinoj ankaŭ kontribuis per po du poemoj. Temas pri Maria Nazaré Laroca kaj Dirce Salles, oftaj kunlaborantoj de nia revuo. Ili elektis por siaj verkoj temojn samtempe lirikajn kaj pensigajn, kiuj samtempe tuŝos menson kaj koron. La verkojn vi certe ĝuos kaj deziros relegi plurfoje.

Ni profitas la okazon por atentigi vin pri la *Literatura Konkurso Ivo Rotkvić*, aŭspiciata de la Unuiĝo de Zagrebaj Esperantistoj (UZE). Ĝi celas stimuli ĉiaspecan literaturan kreadon en Esperanto, por malkovri literaturajn talentulojn kaj konigi iliajn verkojn en Esperantujo per premiado kaj publikigo en *Zagreba Esperantisto* aŭ libroforme. Sed atenton, verkemuloj: la limdato por enskribiĝo estas la 31-a de Oktobro!

Ekde ĉi tiu numero ni reprenas tradicion, nome publikigon de noticoj pri la Esperanta movado — kaj ĉefe pri la agado de EASP — en la Portugala. Tiun ĉi parton preparis Aparecida Araujo, la nuntempa kasistino kaj aktiva partoprenanto en la ŝtata kaj nacia movado. La materialo ĉi-maniere prezentita taŭgos por informado al neesperantistoj kaj informiloj.

Ni finas nian numeron per satira kronikaĵo de Machado de Assis, unuafoje publikigita en 1894. La traduko de tiu ĉi teksto prezentis apartan defion por la tradukinto Francisco S. Wechsler, pro siaj pluraj vortludoj. La teksto aludas al la forta financa krizo, kiu kulminis en 1891, kun alta inflacio, bankroto de firmaoj kaj plonĝado de borskurzoj. Kvankam tiu epizodo de la Brazila historio estas nuntempe malmulte konata, ĝi lasis postefikojn dum longa tempo; kelkaj daŭris ĝis la sesdekaj jaroj de la 20-a jarcento. Pro sia historia kaj literatura valoro, la teksto de Machado ankoraŭ legindas.

Bonan legadon!

La redaktistoj

# Artistoj el Sanpaŭlo: Lygia Fagundes Telles

**Paulo Sergio Viana**



*Lygia Fagundes Telles estas eminenta brazila verkisto. Ŝi naskiĝis en la jaro 1923, en la urbo Sanpaŭlo, kaj publikigis sian unuan kolekton da rakontoj jam en 1938. Ŝi diplomiĝis en fakultatoj pri Korpedukado kaj Juro, kaj de frua aĝo frekventis la societon de literaturistoj en tiu urbo. Ŝi verkis diversajn romanojn, rakontkolektojn, kronikaĵojn kaj tradukojn. Ŝi krome adaptis por kinfilmo la konatan romanon* Dom Casmurro, *de la brazila verkisto Machado de Assis. Ŝi ricevis diversajn premiojn, inter kiuj elstaras la Premio* Camões *— la plej grava literaturpremio por verkoj en la portugala lingvo.*

## Do, adiaŭ!

Ĉi tio okazis en ŝtato Bahia, en posttagmeza horo, kiam mi vizitis la plej antikvan kaj kadukiĝintan preĝejon, kiun mi tie trovis, kaŝitan ĉe lasta strato de lasta kvartalo. Alproksimiĝis al mi maljuna pastro, tiel maljuna, tiel maljuna, ke li ŝajnis farita prefere el cindro, el araneaĵo, el nebulo, el blovo, ol el karno kaj ostoj. Li alproksimiĝis kaj tuŝis mian ŝultron:

— Mi vidas, ke vi ŝatas tiujn antikvajn statuetojn — li frustris per sia malforta voĉo. Kaj li malfermetis la ŝrumpintajn lipojn por afabla rideto: — Mi havas ĉe la sakristio iujn valoraĵojn. Ĉu vi volas ilin vidi?

Afable kaj tremetante li montris al mi etajn trezoraĵojn en sia preĝejo: murpentraĵon kun koloroj foraj kaj malklaraj kiel tiuj de ia malriĉa vualo ĉirita, je fora distanco; unu Nian Sinjorinon kun ronĝitaj manoj kaj grandaj okuloj plenaj de larmoj; du anĝelojn portantajn torĉojn, kiujn eble skulptis la Kripluleto[1], ĉar ili havis sur la vizaĝoj la senduban trajton de mienoj severaj kaj noblaj, kun jam disfalantaj nazoj… Li montris al mi ĉiujn raraĵojn, tiel malnovajn kaj tiel eluzitajn kiel li mem. Poste, emociita pro la interesiĝo, kiun mi esprimis pri ĉio, li akompanis min kun varma dankemo ĝis la pordo.

— Revenu ofte — li petis min.

— Neeble — mi diris. — Mi ne loĝas ĉi tie, sed ĉiuokaze, eble iun tagon… — mi aldonis tute senespere.

— Do, ĝis baldaŭ! — li flustris, malfermetante la lipojn por rideto, kiu ŝajnis al mi melankolia kiel ŝipdronaĵo.

Mi rigardis lin. Sub la blueca lumo de krepusko, tiu blanka, travidebla vizaĝo estis tiel malfortika, ke mi eĉ emociiĝis· Ĝis baldaŭ?... "Do, adiaŭ!", li devus diri. Mi morgaŭ ekveturos al Rio kaj tute ne

planas baldaŭ reveni al Bahia. Kaj eĉ se mi revenus, ĉu mi trovus ankoraŭ staranta tiun kadukan preĝejeton, kiun mi hazarde trovis meze de miaj iradoj? Kaj eĉ se mi denove trovus ĝin, ĉu mi trovus vivanta tiun maljunuleton, kiu pli similis mortinton, kiu forgesis foriri?!...

Aŭskultu, leganto: mi havas malmulte da certecoj en ĉi tiu malcerta vivo, tiom malmultaj, ke mi povus listigi ilin sur ĉi tiu mallonga linio. Tamen, unu certecon mi ekhavis tiumomente, plej absolutan certecon: "Mi neniam revidos lin." Mi adiaŭpremis lian manon, kiu havis la saman sekan malvarmecon kiel morto.

— Ĝis baldaŭ! — mi diris, plena je korsento pro lia naiva optimismo.

Mi foriris kaj de malproksime ankoraŭ vidis lin senmova sur la altaĵo de la ŝtuparo. Venteto disblovis liajn harojn malmultajn, ŝvelintajn kiel estingiĝanta flamo. "Do, adiaŭ!" mi pensis emociita, kiam mi lastfoje svingis la manon al li. "Adiaŭ."

Tiun saman vesperon okazis tradicia adiaŭa manĝo ĉe la hejmo de geedzoj, kiuj estas miaj amikoj. Kaj meze de la grupo, kiam mi jam alpaŝis al la tablo, subite iu tuŝis mian ŝultron per tre delikata tuŝo, simila al frotetiĝo de malseka folio.

Mi turnis min. Antaŭ mi, la maljuna pastro ridetis.

— Bonan vesperon!

Mi estis senvorta. Jen staris tiu, kiun antaŭ kelkaj horoj mi adiaŭis por ĉiam.

— Kia koincido... — mi fine elbalbutis. Tio estis la sola banalaĵo, kiun mi sukcesis diri. — Mi ne esperis revidi vin... tiel baldaŭ.

Li ridetis, plu ridetis. Kaj ĉi-foje mi trovis tiun rideton pli moketema ol melankolia. Tio estis, kvazaŭ li estus diveninta mian penson, kiam ni adiaŭis ĉe la preĝejo, kaj nun, iel defie, li do amuziĝus pro mia miro. "Ĉu mi ne diris ĝis baldaŭ?", la nebulaj okuletoj ŝajnis demandi ironie.

Dum la brua, varmklimata vespermanĝo, mi ekmemoris pri Kipling. "Ja granda kaj stranga estas la mondo. Sed precipe stranga..."

Mia najbaro ĉe la maldekstra flanko scivolis inter du forkoprenoj:

— Do vi fakte forlasos nin morgaŭ?

Mi rigardis la mansakon, kiun mi havis sur la genuoj, en kiu jam kuŝis mia revena vojaĝbileto, datita de la sekva tago. Kaj mi ridetis al la maljunuleto, kiu sidis for, ĉe ekstremo de la tablo.

— Ho mi ne scias... Antaŭe mi sciis, sed nun mi jam ne scias.

Noto:
[1]Kromnomo de Antônio Francisco Lisboa [anTONjo franSISko lizBOa) (1738?–1814), kiu estis eminenta Brazila skulptisto, tajlisto kaj arĥitekturisto.

*[…] La ĉefa ideo de ĝenerala informado devus esti, ke jam nun la scio de Esperanto donas rimarkindajn avantaĝojn, kaj ke la estontecon de la Internacia Lingvo garantias la senduba plia intensiĝo de inter-homaj rilatoj en la mondo. […]*

*Ivo Lapenna*

# Kulturinstitucioj en Sanpaŭlo

**Paulo Sergio Viana**




Estas ŝablone skribi, ke Brazilo estas lando de futbalo. Sed en tia ŝablono sidas iom da vero. Efektive, futbalon inventis angloj kaj komence ĝi estis sporto de riĉuloj. Ĝi alvenis en Brazilo kiam Charles Miller (naskita en Brazilo, ido de skoto kaj brazilanino) alportis ĉi tien la unuan ledan futbalpilkon, en la fino de la 19-a jarcento. En Brazilo ĝi disvastiĝis eksterordinare kaj fariĝis amata de la tuta popolo, sendepende de sociaj klasoj. Ne nur amata, sed fervore — se ne diri fanatike — sekvata. Oni povas diri, ke futbalo profunde markis la brazilan kulturon ekde la 20-a jarcento.

Pro tio, en 2008, privata institucio, kune kun la ŝtata registaro, inaŭguris fakan Muzeon pri Futbalo.

Ĝi okupas areon de preskaŭ 7000 kvadrataj metroj kaj enhavas plurajn ekspoziciojn, filmojn kaj interagajn allogaĵojn. La tutan muzeon oni instalis sub la konstruaĵo de la konata stadiono Pakaembuo, kie sidas la ĉeestantaro dum la futballudoj. Stadiono Pakaembuo estis inaŭgurita en la jaro 1940, kaj siatempe estis unu el la plej imponaj en Ameriko. Fakte, ĝi fariĝis unu el la simboloj de la urbo Sanpaŭlo. Ĝi situas ĉe Placo Charles Miller.

La muzeo funkcias ĉiutage, de la 9-a ĝis la 17-a horo, escepte de lundoj.

# La Botanika Ĝardeno de Sanpaŭlo

**Paulo Sergio Viana**

En la fino de la 19-a jarcento, oni jam komencis pensi pri protektado de la naturo en la urbo Sanpaŭlo. La registaro tiam ekpreparis vastan areon en la suda regiono de la urbo, kie situas fontoj de riveroj kaj praarbaroj. En la jaro 1928, oni fondis botanikan studcentron en tiu loko kaj de tiam komenciĝis la organizado de la bela Botanika Ĝardeno. En 2008 ĝi estis reformita kaj fariĝis belega vasta promenejo, unu el la plej ĉarmaj lokoj en la grandega urbo. Nuntempe ĝi estas parto de Ŝtata Naturparko kaj okupas areon de 360 mil kvadrataj metroj, kun 380 specioj de arboj sub studado kaj konservado. Krome, vivas libere en ĝi simietoj, bradipoj, tukanoj kaj ronĝuloj. Laŭ specialaj vojoj — oportunaj eĉ por handikapitoj — eblas admiri riveretojn kaj arbarojn, lagojn kaj aleojn, kaj mediti pri la graveco protekti la naturon. Eblas ankaŭ viziti muzeojn kaj la elstaran Ĝardenon de Lineo, kiun oni konstruis laŭ la modelo de la samnoma ĝardeno en Svedujo. Lineo estis fama botanikisto, kiun la scienca mondo konsideras kiel la patron de taksonomio. Ekspozicioj estas videblaj en forcejoj. Unu el la plej ŝatataj lokoj en la tuta parko estas la Lago de Nimfeoj, tiel ke tiu ĉi floro estas la simbolo de la ĝardeno; surloke flosas diversaj plantoj, krom nimfeoj flavaj, violkoloraj kaj rozkoloraj. En la jaro 2003 oni kreis *Ĝardenon de Sentumoj*, kiu konsistas el plantoj kun aparte fortaj odoroj kaj foliaj teksturoj, kiujn vizitantoj povas rekte kontakti. Ankaŭ ĝi estis elpensita speciale por handikapitoj.

La vizitinda Botanika Ĝardeno en Sanpaŭlo situas en la kvartalo Água Funda, kaj eblas enveni de mardoj ĝis dimanĉoj, krom en feriaj tagoj, de la 9-a ĝis la 17-a horo. Por veki la apetiton, eblas fari virtualan viziton: `http://www.ibot.sp.gov.br/jardim/tour%20virtual/index.html`



# Arkitekturaj simboloj en Sanpaŭlo: viadukto *Gvaruljo*

**Paulo Sergio Viana**




Dumnokta aspekto de la viadukto.

La urbo Sanpaŭlo havas ĉirkaŭ si amason da aliaj urboj, tiel ke la tuto konsistigas la tiel nomatan *Granda Sanpaŭlo* — unu el la plej vastaj metropoloj en la mondo. Entute loĝas tie pli ol 25 milionoj da homoj. Kiel ĉiu urbo, ankaŭ Sanpaŭlo havas siajn arkitekturajn simbolojn. Unu el la plej novaj estas la impona viadukto *Gvaruljo*. Oni inaŭguris ĝin en la jaro 2010, por faciligi la trafikon en la regiono de la urbo Gvaruljo, kiu estas parto de tiu urbamaso. Gvaruljo estas grava municipo, interalie ĉar en ĝi situas la ĉefa flughaveno, kiu servas al Sanpaŭlo.

La viadukto estas 170 metrojn longa kaj ĝia ĉeffosto estas pli ol 60 metrojn alta. La tutan konstruaĵon tenas ŝtalaj ŝnuregoj kaj sur la plej alta punkto kameraoj observas la regionon. En 2012 oni provizis ĝin per specialaj lampoj, kiuj nokte pligrandigas ĝian majestan aspekton. Ĝi sendube tuj konatiĝis kiel unu plia simbolo de la ekonomie potenca urbego.

LA LAMPIRO

# Du poemoj

**Maria Nazaré Laroca**

## Mara robo

Ekjanuaras varme...
Post tia nokta bruo
de l’ fola homamaso,
l’ animo de la maro
tre afabla vekiĝas
en blankpura vestaĵ’
kaj redonas ĝentile
al la plaĝo regalojn.

Estas la robo senfina
far la kantoj de l’ sirenoj
kaj la larmoj de l’ dronintoj…
Ondumas la silka jupo
el verdbrilaj ŝaumoj puntaj.

Sunamanto, lunfianĉo,
la mar’ arĝente verdbluas:
jen ĉevaloj galopantaj,
dum mevoj dancas salute.



Hokusaj kacuŝika (1760–1849). *La ondego ĉe Kanagaŭa.*

## Maljuneco

Somere maljunulo venas maren,
La korpo stumblas, la menso
forestas,
Lin tamen la gefiloj ame helpas
Kaj lin bonvenigas ĉiel', ondar'…

La mallonga vojo el sablo distas
Kiel la revoj de l' juneco fola,
Sed valoras pli la ŝauma sunkiso
Ol la vea olduleja etoso.

Li pene preterpasas la banistojn,
Kiuj dolĉe farnientas plezure,
Kaj finfine la randon li atingas.

Kiom da sablaj kasteloj faritaj!
Kun la infanoj patro multe ludis,
Kaj nun lia heredo estas vivo.

# Du poemoj

Dirce Sales

### Mi je flor'

Miozotoj... Miozotoj...
miozote jen mi...

iom pala,
iom plenda,
iom melankoli'.

Jen dirante pianete,
Iom tima kaj diskrete:

Kiam eble, pro bonvolo,
"Neniam forgesu min!"

### Preĝo al la Tero

Tero amata,
Patrino kara,
Jen nia preĝo
Por vi.

Dio sendu
Al niaj koroj,
De vi la
Eternaj ŝuldantoj,
Rimedojn por
Vin mildigi
La dolorojn!

# Literatura konkurso *Ivo Rotkvić*

Unuiĝo de Zagrebaj Esperantistoj (UZE), konforme al sia laborprogramo, anoncas renovigon de Literatura Konkurso *Ivo Rotkvić*, lanĉita de la iama Zagreba Esperanto-Ligo, kun la celo stimuli ĉiaspecan literaturan kreadon en Esperanto, por malkovri literaturajn talentulojn kaj konigi iliajn verkojn en Esperantujo per premiado kaj publikigo en *Zagreba Esperantisto* aŭ libroforme.

UZE anoncis ĉi tiun konkurson okaze de pasintjara Zamenhofa tago, kiu dekomence estis opiniata Tago de Esperanta Libro. UZE invitas ĉiujn literaturemulojn de Esperantujo partopreni en la jenaj konkursaj branĉoj:

1) Originala prozo (inkluzive de teatraĵoj). Maksimuma longo de konkursaĵoj nefiksita, sed preferataj mallongaj prozaĵoj.

2) Originala poezio. Maksimuma longo nefiksita, sed preferataj mallongaj poeziaj formoj.

3) Tradukaĵoj el la Kroata. Maksimuma longo nefiksita, sed preferataj mallongaj prozaĵoj aŭ poeziaĵoj de aŭtoroj mortintaj antaŭ pli ol 70 jaroj aŭ de tiuj, kiuj donis skriban permeson traduki kaj senpage publikigi iliajn verkojn.

4) Tradukaĵoj el aliaj lingvoj. Maksimuma longo nefiksita, sed preferataj mallongaj prozaĵoj aŭ poeziaĵoj de aŭtoroj mortintaj antaŭ pli ol 70 jaroj aŭ de tiuj, kiuj donis skriban permeson traduki kaj senpage publikigi iliajn verkojn.

Konkursi povas nur la ĝis nun nepublikigitaj verkoj, aŭ la verkoj kiuj aperis en interreto. Ĉiu konkursaĵo estu aparta *Word* aŭ pdf-dokumento, subskribita per pseŭdonimo kaj alkroĉita al la retmesaĝo, en kiu estu skribita la vera nomo de la aŭtoro/tradukinto kaj lia/ŝia retadreso. UZE elektos la ĵurion, kiu priĵuĝos ĉiujn ricevitajn konkursaĵojn. Laŭreatoj estos premiitaj per diplomoj kaj libropremioj.

UZE retenos dum unu jaro la ekskluzivan rajton publikigi ĉiujn premiitajn (kaj nepremiitajn) konkursaĵojn en *Zagreba Esperantisto* aŭ en apartaj libretoj. Konkursaĵojn oni sendu antaŭ la 31-a de Oktobro 2014 rete al: zagreba.esperantisto @gmail.com

**8-a Esperanta Kongreso de la Ŝtato San-Paŭlo**
**Ararakvaro: 18 – 19 oktobro 2014**

La Esperanta Kongreso ricevos de la administrantaro de SESC plej grandan apogon rilate pruntedonon de aparataro kaj ĉambroj.

Multaj homoj ĉiujare eklernas Esperanton, sed kurioze apenaŭ uzas la lingvon por akiri novajn konojn. Prove helpi al solvo de tiu mistero, la organizantoj spronos la partoprenantojn al debato pere de la temo *Esperanto kiel peranto de aliaj konoj*.

# Movimento esperantista

Aparecida Araujo

## Clube de cinema da APE

No dia 26 de abril de 2014, a APE inaugurou seu Clube de Cinema, que consistiu na apresentação de filme de curta duração e posterior exploração do tema, com a finalidade de treinar os presentes, na conversação em Esperanto. Por meio dessa nova atividade, mais atrativa e instigante, substitui-se a anterior Ronda de Conversação, visando principalmente os alunos. A apresentação acontecerá sempre no último sábado de cada mês, às 16:00. Esse Clube de Cinema receberá um nome, entre as sugestões já apresentadas até o dia 10/05/2014. (`http://easp.org.br/kuriero/n-ro/122.html~/123.html`).

## Livraria da APE também virtual

A APE continua festejando o novo serviço de venda de livros pela Internet, inaugurado em fevereiro de 2014, acessível pelo endereço: `easp.org.br/butiko`. A Livraria da APE caminha para a modernização, visando a servir mais e melhor os associados, alunos e simpatizantes, interessados em adquirir obras em e sobre a Língua Internacional Esperanto. Seu catálogo ainda é pequeno, mas provido de seletos títulos, muitos entre eles importados, incluindo livros didáticos e paradidáticos, literatura e obras técnicas, além de uma seção especializada em histórias em quadrinhos para adultos e crianças que já atinge a marca de 13 títulos. Estes consistem em moderno e atraente material, por meio do qual se pode, brincando e divertindo, melhorar os conhecimentos em Esperanto. ( `http://easp.org.br/kuriero/n-ro/120.html~html121`)



## Livros gratuitos

A Livraria da APE está disponibilizando, gratuitamente, alguns títulos, que mantém em estoque há anos. A maioria desses títulos foram escritos e editados pelo nosso inesquecível Esperantista Gilbert R. Ledon, porém impressos ainda pelo sistema *offset*, o qual exigia a impressão de grande quantidade de exemplares, para reduzir o custo. Sem um canal de divulgação e impressão, as edições acumularam-se no estoque, no qual, com o passar do tempo muitos livros danificaram-se. Os restantes agora estão sendo propostos a todos que ainda não os leram.

Se você é professor de Esperanto, é provável que esta novidade possa lhe interessar. Visite a livraria da APE, física

ou virtual. Para encomendas pela loja virtual, será cobrada a remessa postal. (http://easp.org.br/kuriero/n-ro/118.html)

## 47ª Conferência da Liga Internacional de Professores

A 47ª ILEI-Konferenco aconteceu em Montevidéu, Uruguai, de 20 a 25/07/2014, com 74 participantes de 26 países. Esta Conferência anual possibilita à Diretoria da ILEI reunir-se fisicamente para debater, decidir e trocar experiências sobre a vida da Liga. Foram oito horas de eficiente trabalho, numa atmosfera de muito entusiamo e calorosa amizade. O evento aconteceu no Palácio das Leis, a sede da Câmara dos Deputados e do Senado, o mesmo local onde, em 10/12/1954, aconteceu a 8ª Conferência da UNESCO, que culminou com a aprovação da primeira resolução deste órgão em favor do Esperanto. Esta grande vitória do mundo esperantista foi o resultado de longa campanha organizada pela UEA, sob a presidência de Ivo Lapenna, e marcou o reconhecimento pela UNESCO da semelhança em muitos pontos entre suas metas e as do ideal Esperantista, como facilitador de aproximação dos povos, para evolução dos mais altos ideais humanos, aspirações altruístas e ideal de paz.

Ressaltamos que esta Resolução completa 60 anos, e, sob o estímulo da ILEI e da UEA, instalaram-se durante a 47ª Conferência da ILEI as comemorações com o título de *Montevideo 60*, que se estenderão até o 100º Congresso Universal de Esperanto, que ocorrerá em julho de 2015, em Lille, na França, envolvendo todas as instâncias do Esperanto no mundo. Cabe a nós, Esperantistas, durante este ano de festejos, e principalmente depois, meditarmos sobre o grande significado desta resolução, e mais enfaticamente trabalharmos no campo da aplicação do Esperanto, em educação, ciência e cultura, para que este reconhecimento finalmente se faça, também fora do movimento esperantista. (Revista Esperanto, Setembro e Outubro/2014)

## 99º Congresso Internacional de Esperanto



A capital da Argentina, Buenos Aires, hospedou este grandioso evento entre os dias 26/07 e 02/08/2014. Participaram 706 esperantistas, vindos de 56 países. De acordo com os registros, este foi o menor número de participantes, desde 1929. Apesar desse baixo número e da baixa temperatura em Buenos Aires, durante uma semana, no Hotel Panamericano, sede do evento, a atmosfera foi de muito entusiasmo e calorosa amizade. O tema do Congresso *Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco* (os netos nos abençoarão? em busca de um futuro sustentável). Que mundo deixa-

remos para os nossos netos? Como estamos usando os atuais meios de subsistência? Este tema foi amplamente desenvolvido em quatro sessões no decorrer da semana, sob a coordenação do jovem brasileiro Rafael Henrique Zerbetto (SP), e contou também com a especial contribuição do igualmente jovem brasileiro Alvaro Motta (RJ).

É muito difícil resumir as impressões sobre evento tão atrativo e esclarecedor. Discurso do Presidente da UEA, saudações de pessoas importantes do nosso movimento, noite de boas vindas, palestras, simpósios, debates, apresentações artísticas, reuniões, grupos de trabalho, jogo de futebol, conferências, leilão, cursos de línguas e exames, culto ecumênico, programa específico para jovens, livraria, excursões, concertos, premiações etc. constituíram o diversificado programa do Congresso. A impressão geral, contudo, é notória, no sentido de que o movimento esperantista brasileiro não só foi o maior em número de participantes, como também alguns brasileiros muito se destacaram, e outros foram homenageados. Neide Barros Rego (RJ) emocionou a plateia, e foi calorosamente aplaudida, na noite de Arte Internacional, ao cantar em Esperanto *Não chores por mim, Argentina*; Amarílio Carvalho foi aplaudido de pé, após a brilhante atuação no monólogo *Tiradentes*. O editor brasileiro Gersi Alfredo Bays foi eleito como Membro Honorário da UEA. O jovem Alexandre Serafim (SP) ganhou o primeiro prêmio, no Concurso de Oradores da UEA. Paulo Sergio Viana (SP) recebeu menção honrosa no Concurso de Letras, no ramo prosa, e o segundo prêmio, no ramo ensaio. A APE recebeu diploma, como modelo de funcionamento independente e eficiente trabalho em prol do Esperanto.

No encerramento, em 02/08, a Bandeira Verde do Esperanto foi entregue ao Presidente do 100º Congresso, que ocorrerá em Lille, na França, em julho de 2015. (EASP Kuriero nº 133, de 05/08/2014)

## 70º Congresso Internacional da Juventude Esperantista

Fortaleza, a capital cearense famosa por suas belas praias, hospedou, de 18 a 25/07/2014, o 70º Congresso Internacional da Juventude Esperantista. Palestras, cursos, seminários, apresentações musicais, danças, concertos, excursões, muita animação, aliados à ótima infraestrutura do local, tornaram o evento inesquecível. Participaram 116 pessoas, das quais 65 brasileiros e outras 51 vindas de 22 países. Três jornais e quatro emissoras de TV publicaram reportagem, e duas emissoras de rádio promoveram debates sobre o Esperanto.

O calor do Nordeste, o mar, a beleza natural, a boa cozinha, a atmosfera de calorosa amizade e a boa organização garantiram o sucesso do evento. (Rafael Zerbetto e Revista Esperanto 10/2014)



# Tombeja sceno

**Machado de Assis**
**Tradukis Francisco S. Wechsler**

*N.T.: Tiu ĉi satira kronikaĵo estis publikigita unuafoje en* Notica Gazeto, *1894. Ĝi aludas al la ekonomia krizo, kiu koviĝis en la fino de la Imperia Periodo de Brazilo (1888) kaj eksplodis en la komenco de la Respublika Periodo (1890–1891). Celante favori nacian industriigon, la tiamaj financministroj liberigis krediton al industriaj investoj, surbaze de abunda encirkuligo de mono. Rezultis senbrida borsa spekulaciado kaj forta altiĝo de la inflacio. Fine la situacio kolapsis en 1891, akcioj kaj ceteraj valorpaperoj abrupte senvaloriĝis, kaj la prezidanto de la ĵusnaskita respubliko demisiis. La krizo daŭris ĝis 1892, sed ĝiaj postefikoj daŭris dum tiu tuta jardeko, kun alta sociala kosto.*

*Rilate la temon kaj ĉi ties sarkasman aliron, tiu ĉi verko estas parenca al pli frua kronikaĵo, titolita* Prediko de la diablo *kaj publikigita samloke, en 1892.*

*La portugallingva teksto prezentas apartan defion por tradukanto, pro siaj pluraj vortludoj, kiujn rekte traduki ne eblas; ilin mi klopodis anstataŭigi per similcelaj ludoj. Krome, ĉe malmultaj lokoj mi adaptis frazojn el la traduko de* Hamleto *farita de L. M. N. Newell (1964)[1], anstataŭ rekte esperantigi el la Portugala.*

Legantoj, ne intermiksu pomojn kaj legomojn; jen la plej bona konsilo, kiun mi povas doni al homoj, kiuj nokte legas enlite. Pasintnokte, pro malobeo al tiu ĉi regulo, mi havis teruran premsonĝon. Aŭskultu; vi ne perdos la kvin minutojn da aŭskultado.

Okazis ke, ne finleginte la matenajn ĵurnalojn, mi tion faris nokte. Restis malmulto leginda, tri noticoj kaj la borskurzoj. Matenaj noticoj, legate nokte, ĉiam efikas kiel malnovaj modoj, el kio mi konkludas, ke la plej forta ĉarmo de gazetoj okazas tuj post ilia presiĝo. La borskurzojn, kvankam ili havas la saman trajton, mi ne legis kun la sama indiferento, pro rememoroj pri la terura jaro (1890–1891). Mi uzis pli da tempo legante kaj relegante ilin. Fine mi flankenmetis la ĵurnalojn, kaj, ĉar ne malfruis, mi prenis libron, kiu hazarde estis Ŝekspira. La dramo estis *Hamleto*. La paĝo, hazarde malfermita, enhavis la tombejan scenon, akto 5. Nenio riproĉebla en la libro aŭ en la paĝo; sed tiu mikso de poezio kun borskurzoj, de kuŝantaj korpoj kun kuranta mono, nenion bonan povus naski; jen pomoj kun legomoj.

Okazis kiel antaŭvidite; mi havis premsonĝon. Komence, mi ne sukcesis dormi; mi turniĝadis tien kaj reen, vidante la figurojn de Hamleto kaj Horacio, la tombistojn kaj la kraniojn, aŭskultante la baladon kaj la konversacion. Tre malfacile, mi ekdormis. Pli bonus, se mi ne dormus! Mi sonĝis, ke mi estas Hamleto; mi surportas la saman nigran mantelon, la samkolorajn ŝtrumpojn, krispjakon kaj kulotojn. Mi ja havis la animon de la Dana reĝido. Ĝis tiu momento, nenio

timigis min. Nek timigis min vidi, apud mi, mian fidelan serviston José[2] vestita kiel Horacio. Mi trovis tion natura; kaj same li. Ni elhejmiĝis al la tombejo; trairis straton, kiu ŝajnis al ni tiu de la Unua de Marto[3], kaj eniris spacon, kiu estis duone tombejo, duone ĉambro. En sonĝoj okazas tiaj konfuzoj, duoblaj aŭ nekompletaj fantazioj, mikso el kontraŭaj aferoj, dispeciĝoj, neklarigeblaj sinsekvoj; sed, finfine, ĉar mi estis Hamleto kaj li, Horacio, ĉio tio certe estis tombejo. Des pli ĉar baldaŭ ni aŭdis unu el la tombistoj deklami la jenan strofon:

Hieraŭ, freŝa akcio:
Okcent rejsoj da valoro;
Sed nun, kaduka kambio,
Ĝi ja fariĝis pulvoro.

Ni eniris kaj aŭskultis. Same kiel en la tragedio, ni lasis la tombistojn interparoli, dum ili preparis la kavon por Ofelio. Sed la tombistoj estis samtempe makleristoj, kaj pritraktis ostojn kaj akciojn. Mi aŭdis unu el ili krii, ke li havas tridek akciojn de la Kompanio por Prosperigo de Profitigaj Terpomoj. La alia respondis, ke li proponas kvin mil rejsojn por ili. Mi trovis la sumon malalta kaj ĝuste tion mi diris al Horacio, kiu respondis, per la buŝo de José: "Sinjoro mia, la terpomoj de tiu kompanio prosperis dum ĝiaj akcianoj ne plantis ilin. La profito de tiu nobla institucio konsistis ĝuste en la neplantado de la altvalora tubero; se ili plantus ilin, tio estus antaŭsigno de nepraj dekadenco kaj morto."

Mi ne klare komprenis; sed la tombistoj, saltigante kraniojn el la tero, ŝercadis kaj anoncadis akciojn. Ili parolis pri bankoj, pri la Ununura Banko, pri la Eterna Banko, la Banko el inter la Bankoj, kaj la respektivaj paperoj estis vendataj aŭ ne, laŭ tio, ĉu oni proponis po sepcent aŭ sescent rejsoj. Ili estis nek ĝuste paperoj, nek ĝuste kranioj; ili estis ambaŭ aferoj kune, kunfandiĝo de formoj, literoj kun okulkavoj, dentoj kun subskriboj. Ni faris kelkajn paŝoj antaŭen, ĝis ili ekvidis nin. Ili ne miris, sed daŭrigis sian laboron de fosado kaj vendado. — Cent kvotojn de la Balzama Kompanio! — Tri mil rejsojn. — Venditaj. — Dudek kvin de la Sava Kompanio! — Mil rejsojn! — Du mil rejsojn! — Du mil cent! — Du mil ducent! — Du mil kvincent! — Venditaj.

Mi proksimiĝis al unu el ili, kaj estis parolonta al li, kiam li mem interrompis min: — Tuja Malŝarĝo! sinjoroj! Dek de la Banko de Tuja Malŝarĝo! Ĉu neniom vi proponas, sinjoroj? Tuja Malŝarĝo! sinjoroj… Kiom vi proponas? Ducent rejsojn? Ho! ne! ne! ili valoras pli! Tuja Malŝarĝo! Tuja Malŝarĝo! Li fine eksilentis, tamen aŭdis de alia tombisto, ke, malŝarĝante, la banko ne povus agi pli tuje. Ili vortludis, same kiel la Ŝekspiraj tombistoj. Unu el ili, aŭdinte anoncon de sep akcioj de la Sekura Banko, diris, ke tiu banko ja restis sekura ĝis la tago, kiam sekuro fariĝis forkuro. Kiel spritaĵo, tio ne multe valoris; jen kial pluvis tibiostoj sur ĝian aŭtoron. Ĝi estis sceno samtempe funebra kaj gaja. La tombistoj ridis, la kranioj ridis, la arboj, tordiĝante pro la ventoj de Danujo, ŝajnis tordiĝi pro rido, kaj la faŭkaj kavoj ridis, atendante, ke oni ploru sur ilin.

Elŝprucis multaj pliaj kranioj aŭ paperoj. De la Kompanio por Transtomba Ekspluato aperis kvindek kvar, kiuj vend-

iĝis por po dek rejsoj. Tiu kompanio celis aĉeti por ĉiu akciano terenon kun tridek kvadrataj metroj en la Paradizo. La unuaj paperoj, en Marto 1891, kulminis je miliono da rejsoj; sed, ĉar ekzistas nenio sekura en ĉi tiu konata mondo, ĉu povus ĝi ekzisti en la nekonebla? Tiu ĉi dubo eniris la spiriton de la kompania kasisto, kiu profitis la pason de transatlantika kurierŝipo, por iri konsulti Eŭropan teologiiston, kunportante ĉion plej koneblan el la valoraĵoj. Tombisto rakontis al mi ĉi tiun precedencon de la kompanio. Tamen jen ektondris voĉo el la fundo de fosata kavo. Unu *debenture*[4]! unu *debenture*!

Jen alio. Jen *debenture*. Mi proksimiĝis al la tombisto, kaj demandis, kion li diras. Li ripetis la nomon de la papero. — Ĉu *debenture*? — *Debenture*. — Lasu min vidi, amiko. Kaj, preninte ĝin, same kiel Hamleto, mi ekkriis, plena de melankolio:

— *Alas, poor Yorick*[5]*!* Mi konis ĝin, Horacio. Ĝi estis grandioza papero. Tiuj okulkavoj estis ciferoj el diamantoj, safiroj kaj opaloj. Ĉi tie, kie sidis la nazo, elstaris promontoro el ĉizita, malnova eburo; el perlamoto estis tiuj ĉi vangoj, el oro la dentoj, el grenato kaj safiro la oreloj. El ĉi tiu buŝo fluis la plej ravaj promesoj en altanima kaj nobla stilo. Kie nun la belaj vortoj de la pasinteco? Elokventa kaj fruktoriĉa prozo, kie nun loĝas la longaj periodoj, la galantaj frazoj, la arto, per kiu vi vidigis al homoj imponajn ĉevalojn kun arĝentaj hufumoj kaj oraj rajdrimenoj? Kie la kristalkaleŝoj, la satenkusenoj? Diru al mi, Horacio.

— Mia sinjoro…

— Ĉu vi kredas, ke kambio de Sokrato same status, kiel tiu papero?

— Ĝuste tiel.

— Do ŝuldpapero de nobla Sokrato nun estus nenio pli ol ruinigita *debenture*?

— Ĝuste tiel.

— Al kiaj malnoblaj uzoj ni povas reveni, Horacio! Kambio de Sokrato eble servus por la plej malnoblaj taskoj de tiu ĉi mondo; purigi ŝuojn, ekzemple. Eble ĝi valorus eĉ malpli ol tiu ĉi *debenture*.

— Sciu Via Moŝto, ke ĝi neniom valorus por mi.

— Neniom? Kompatinda Sokrato! Sed atendu, ni silentu, jen venas funebra procesio.

Okazis la entombigo de Ofelio. Tiam la premsonĝo pli kaj pli afliktis. Mi vidis la pastrojn, la gereĝojn, la sekvantaron, la ĉerkon. Ĉio fariĝis malklara kaj konfuza. Mi vidis la reĝinon verŝi florojn sur la mortintan. Kiam juna Laerto saltis en la kavon, ankaŭ mi saltis; tie ni ekkaptis kaj vangofrapis unu la alian. Mi ŝvitadis, mortigadis, sangadis, kriadis…

— Vekiĝu, mastro! vekiĝu!

Notoj

[1]Shakespeare, W. 1964. *Hamleto Princo de Danujo.* Trad. L.N, M. Newell. La Laguna: Stafeto, 251p.

[2][ĵoZE].

[3]En la centra kvartalo de Rio.

[4][diBENĉu]. Angle: *obligacio.*

[5][aLAS pu JOrik]. Angle: *Ve, kompatinda Yorick!* (Rekta citaĵo el la Ŝekspira teksto.)

*Kiu ripetas abunde, lernas plej funde.*

*L. L. Zamenhof,* Proverbaro Esperanta

# 8a Esperanta Kongreso de la Ŝtato San-Paŭlo

**Araraquara**

18 - 19 oktobro 2014

**Kongresejo**

SESC Araraquara

R. Castro Alves, 1315



**Aliĝoj kaj informoj**

easp.org.br/araraquara

# ESPERANTO
**peranto de aliaj konoj**

*Realigo*

easp.org.br

*Organizado*

Klubo de Esperanto Lingua Internacional Araraquara SP

*Apogo*

Sesc

Brazila Esperanto-Ligo

Câmara Brasileira da Língua Internacional Esperanto

designed by freepik.com